2.ª Ep. AÑO IV, N.º 21 (157) SEPTIEMBRE-OCTUBRE 1966




# DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO



El creciente reconocimiento que las autoridades de todos los paises otorgan al idioma internacional Esperanto, se evidencia en el gran número de calles dedicadas a él o a su creador.

Las autoridades de Bilbao, con ocasión del XXVII Congreso nacional de Esperanto, han hecho gala de su cosmopolitismo dedicándole la calle que muestra la fotografía.

BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Str. Torre Nueva, 30, 1.° ZARAGOZA

Redacción y Administración:

Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
Ĉekkonto: n.° 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## Un cordial adios

Razones de índole particular, que no viene al caso explicar, me impiden ocuparme por más tiempo de la redacción de nuestro querido BOLETIN, y demás tareas como colaborador de la Directiva de nuestra Federación.

Al agradecer a todos desde aquí las múltiples amabilidades, frases de aliento y felicitaciones de que he sido objeto a lo largo de mi tarea como redac tor-jefe de nuestro órgano oficial, no quiero olvidar a esos pocos (es casi exagerado, afortunadamente, hablar en plural, dado su número) que con sus críticas, qu siempre consideré bien intencionadas, me hicieron ver claro que para nuestra revista, como para otras más cosas en la vida, lo más bueno no es siempre lo mejor.

Es mi más vivo deseo que los esfuerzos realizados por la Directiva de H. E. F. sean algún día reconocidos, primero por *todos* los miembros de nuestra Federación, más tarde por aquéllos que, por su autoridad, puedan hacer fructíferos los esfuerzos y realidad los ideales de todos cuantos lucharon y luchan por ese alto ideal común: el uso general de la Lengua Internacional Esperanto.

*Nicolás L. Escartín.*

## deziras korespondi...

POLLANDO.—Sulechów, ul. Kolejava 3-1, woj. Zielona Góra. S-ro. Wojciech Kotylak, 18 jaraĝa, deziras korespondi kun hispanaj fraŭlinoj.

POLLANDO. — Lublin, str. .Piekna ˉ m. 1, S-ro. Slawomir Lowozak, instruisto, deziras korespondi kun hispana samideanino, interesiĝas pri hispanio, ĝiaj moroj kaj lingvo.

NEDERLANDO.—Zaandam, Westzyde 88 B. S-ro. W. P. Dkker, deziras korespond-amik(in)on por mezaĝa komenzantino kiu interesiĝas pri Hispanujo por intersanĝi leterojn, bildkartojn ktp.

CEHOSLOVAKIO.—Koŝice. ul. Vystavby 1, S-ro. Fridrich Zöld, teknikisto, deziras tutmondaj leterkorespondantoj.

# NIA XXVII<sup>a</sup> KONGRESO DE ESPERANTO EN BILBAO

Okazis la **XXVII** Hispana Kongreso de Esperanto.

De la 19 ĝis la 23 de julio, ĉirkaŭ 400 esperantistoj kunvenis en Bilbao por celebri la Jaran Asambleon de la Hispana Esperanto Federacio.

Inter la ĉeestantoj, kiel bonvenaj gastoj, estis kelkaj ne hispanaj esperantistoj, kiuj reliefigis la valoron de la Internacia Lingvo antaŭ la okuloj de la ne esperantistoj.

Bilbao tre gastame akceptis la kongresistojn kaj la urbaj ĵurnaloj kaj radiostacioj ĉiutage raportis pri la Kongreso.

Pluvis kelkmomente, kaj la ĉielo ne estis tiel blua kaj brila kiel estas kutime en la monato julio. Tamen, ĉiuj aranĝoj bone plenumiĝis kaj la Kongreso estis plua sukceso en la ĉeno de la Hispanaj Kongresoj.

Por bone informi niajn legantojn, ni pritraktos la Kongreson tagon post tago.

**18 DE JULIO**

Komencas alveni la esperantistoj.

En la bilbaoaj stacidomoj, membroj de la Organiza Komitato akceptas la venantojn, ilin akompanas al loĝejo kaj nur lasas ilin, kiam la vojaĝantoj estas plene kaj komforte instalitaj.

Je la sesa vespere komencas funkcii la Akceptejo, kie oni disdonas la dokumentojn. En la ampleksa halo de la Knabina Instituto aperas la unuaj venantoj, kiuj amike kaj gaje intersalutas.

Samhore malfermiĝas la Ekspozicio kaj Libroservo ĉe la Gran Vía.

Je la 22,30 okazas la Interkona Vespero en la salonoj de «Hogar Navarro», afable disponigitaj por la kongresistoj. Tute spontanee, diversaj esperantistoj ascendas al la podio kaj salutas la ĉeestantojn. Ĝenerala gajeco regas en la salonoj kaj aplaŭdado kronas la vortojn de la salutantoj.




Ne nur la esperantistoj interesiĝis pri la laste eldonitaj verkoj. Pli ol kvin mil personoj vizitis la Ekspozicion kaj Libroservon.

Post la noktomezo finiĝas la gaja kunveno kaj ĉiuj reiras al siaj loĝejoj, por dormante sin prepari por la venonta tago. Pluvas.

### 19 DE JULIO

En la Akceptejo daŭrigas la disdono de dokumentoj, salutoj, ridoj kaj aktiva sonorado de esperantaj konversacioj.

Tagmeze, en la Supera Lernejo de Industriaj Inĝenieroj solene malfermiĝas la Kongreso, por tria fojo en Bilbao. Kvarcent kongresistoj ĉeestas la inaŭguron. Prezidas lia Moŝto Prof. Miguel Sancho Izquierdo, Prezidanto de H. E. F. Pastra Moŝto Don Jesús Gorosarri, sendito de la Episkopo kaj S-ro. Don Félix Díez Mateo, Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato.

S-ro. Díez Mateo salutas la kongresistojn kaj dediĉas emociigajn vortojn al la unuaj bilbaoaj esperantistoj, kiuj antaŭ sesdek jaroj enradikigis esperanton en Bilbao. La oratoro, elstara tradukinto el diversaj lingvoj al la hispana, legis tradukon el la famaj kantoj de Jorge Manrique al esperanto kaj poemon de Pemán ankaŭ en esperanta traduko.

Varmaj aplaŭdoj premiis lian interesan paroladon.

Salutis poste diversaj eksterlandaj esperantistoj. Ĉeestas reprezentantoj el Germanio, Argentinio, Francujo, Anglio, Nov-Zelando kaj Portugalio. Ili ĉiuj ricevis la aplaŭdon de la ĉeestantoj.

Specialan mencion meritas la saluto de la argentinia reprezentanto, kiu petis pli intensan unuiĝon inter hispanaj kaj sudamerikaj esperantistoj.

Finfine, Dro. Sancho Izquierdo faris mallogan paroladon:

—Esperanto —li diris— estas nune de ĉiuj respektata. Tamen, ankoraŭ ne estas bone konataj ĝia tuta efiko kaj la frata kaj ekumena idealo, kiun ĝi posedas.

Li invitis la esperantistojn ĝisfunde studi «La Vojo»-n de Zamenhof, kun la plena konvinko ke ili trovos tie multajn kialojn por meditado, por marŝi antaŭen ĝis la momento kiam esperanto fariĝos komuna posedaĵo, kaj ni estu certaj, ke niaj posteuloj benos niajn nomojn, samkiel ni honorigas en tiu ĉi kunsido la nomojn de la bilbaoaj esperantistoj, kiuj marŝis antaŭ ni.

Post tiaj vortoj, Dro. Sancho Izquerdo deklaris malfermita la XXVII Hispanan Kongreson de Esperanto.

Ĝenerala foto estis farata ĉe la stu-



Generala foto.



Vaska folkloro

paro de la Montro-Foiro.

Vespere, okazis la laborkunsido de H. E. J. S.; kvindeko da gejunuloj partoprenis ĝin. S-ro. S. Aragay informis pri la lastaj atingoj, kaj kuraĝigis la gesamideanojn por daŭrigi sian laboron.

Oni pritraktis kaj diskutis pri la diversaj fakoj de H. E. J. S.; la Prezidanto prezentis informon de la masonisto pri la konstruado de la Junulara Esperantista Restadejo. La financa parto de la informo multe priokupis al la gejunuloj, kiuj atente studis ĝin.

S-ro. Juan Ibarola estis elektita H. E. J. S.-delegito por San Sebastián.

Ankaŭ kunsidis la Estraro de H. E. F. kaj Grup-Delegitoj por prepari kaj simpligi la laboron de la Ĝenerala Kunveno.

Celebris ankaŭ kunsidon la membroj de Hispana Esperanto Aŭroro por honori la memoron de S-ro. José Ezquerra Berges, estinta ĉefo de O. N. C. E., kiu multe helpis la bilbaoajn esperantistojn.

Nokte, je la 10,30 ni celebris omaĝon al la veteranoj kaj blinduloj en Cine Urrutia, kun varia programo, kiu tre agrabla rezultis. Parolis S-roj. Luis de Otaola kaj Delfín Ronda oferante la omaĝon, kaj respondis Don Manuel de Elezcano nome de la veteranoj kaj S-ro. Tomás Bustos nome de la blinduloj. Poste, Ĥoro Arraizpe kantis diversajn kanzonojn, kaj Polifónica Euskalduna kaj «chistularis» interpretis tre belajn muzik-pecojn. Entute, tre garabla spektaklo, de ĉiuj ŝatata.

## 20 DE JULIO

La kongresistoj ĉeestas la Meson en la Basiliko de Nia Sinjorino de Begoña. Oficas Patro Zulueta S. J., granda simpatianto de la I. L., kiu venis de Loyola speciale por celebri nian Meson.

Okupas la preĝejan katedron Pastro Claramunt, Sch. P., kiu parolas en esperanto pri la persona decido de Lia Sankteco Paŭlo VI permesi celebradon de la Meso en esperanto, dum Kongresoj kaj kunvenoj de esperantistoj.

Fininte la Meson, grupo de vaskaj dancistoj oferis al ni tre riĉ-koloran spektaklon sur la apudaj ĝardenoj.

Poste, la kongresistoj estis afable akceptataj en la Araba Salono de nia Urbodomo. S-ro. Ybarra, reprezentanto de la Urba Estraro, faris paroladeton tre laŭdan rilate esperanton. Respondis Dro. Sancho Izquierdo kaj la Prezidanto de la Organiza Komitato, ambaŭ esprimante nian dankemon pro la gastama akcepto de Bilbao al la Kongreso. Post varma aplaŭdado al la parolintoj, oni regalis nin per freŝaj trinkaĵoj kaj antaŭmanĝoj.

Okazis vespere la Oratora Konkurso, en kiu ricevis premion F-no. Rafaela Urueña, kies flua parolado temis pri la vivo en Kastelo Gresillon.

Finfine, en granda salono de la Inĝeniera Lernejo, faris paroladon en Esperanto S-ro. Jaime Aragay Pujols, kiu flue kaj belstile, lerte prezentis tre interesajn opiniojn pri la temo: ETIKA SINTENO ANTAŬ LA UNIVERSALA LINGVA PROBLEMO. Multaj aplaŭdoj signis la finon de lia interesa disertacio.

## 21 DE JULIO

Diversaj kunsidoj okazis dum la mateno, dum kiuj filatelistoj, fervojistoj, nevidantoj kaj aliaj pritraktis aparte siajn specialajn aferojn.



Vaska folkloro



S-ro. Fernando Fernández Méndez el Lugo, preleginto en hispana lingvo.



S-ro. Jaime Aragay Pujols el Barcelona, kiu prelegis en Esperanto.

Je la 11,30 granda nombro de kongresistoj vizitis la Artan Muzeon kaj esprimis sian admiron antaŭ la artverkoj tie gardataj.

Je la unua postagmeze, en la kvartalo Recaldeberri, oni malkovris tabulon nomante ESPERANTO al nova strato.

Ĉeestis multaj esperantistoj, kaj parolis S-roj. Díez Mateo, Sancho Izquierdo kaj Ybarra, delegito de la Urbestro.

Ambaŭ Prezidantoj esprimis la dankojn de la hispanaj esperantistoj al la bilbaoa urbestraro pro la nomiĝo de la nova strato, substrekante la fakton, ke ekzistas jam esperanto-stratoj en multaj urboj de nia lando kaj aliaj nacioj.

Je la kvina vespere okazis Generala Kunsido de la Federacio en la Inĝeniera Lernejo. Oni povas diri, ke ĉeestis tiun kunsidon ĉiuj Kongresanoj, ĉar en ili oni pritraktas la ĉefajn aferojn de nia Federacio.

Inter la pritraktitaj temoj elstaras la eldono kaj distribuo de esperanto libroj, reelekto de la Estraro kaj loko kie okazos la venontjara Hispana Kongreso de Esperanto.

Oni elektis Zaragozon kiel kongresurbon por 1967.

La Generala Asembleo decidis ankaŭ gratuli la bilbaoan organizan komitaton, pro ĝia bonega laboro rilate la Kongreson.

La Estraro informis, ke la venonta Universala Kongreso okazos en Tel Aviv, Israelo, kaj tiu de 1968 en Madrido. Nia Nacia Estraro oferis sian

Prezida tablo, dum la Solena Fermo de la Kongreso.

tutan helpon por ke la U. K. en Madrido plene sukcesu.

Je la oka nokte, okazis prelego en la Urba Biblioteko. Parolis S-ro. Fernando Fernández Méndez pri ESPERANTO Y LAS LENGUAS REGIONALES Y LOCALES, kaj la multenombra ĉeestantaro vere ĝuis la vortojn de S-ro. Fernández. Varma aplaŭdado premiis la laboron de la oratoro.

## 22 DE JULIO

Tagmeze, en la salono de la Fakultato de Ekonomiaj Sciencoj, okazis la solena Fermo de la XXVII Hispana Kongreso de Esperanto.

Ĉeestis la tuta kongresanaro.

Prezidis Lia Moŝto Prof. D-ro. Miguel Sancho Izquierdo. Akompanis lin en la prezida tablo, Lia Moŝto Dojeno de la Fakultato de Ekonomiaj Sciencoj, Generala Sekretario de la Provincestrejo, Delegito pri Informado kaj Turismo en Vizcaya, Honora Prezidanto de H. E. F., kaj la Prezidantoj de Loka Komitato kaj Bilbao Esperanto Grupo.

Post vortoj de S-ro. Larrouy, sekretario de la Loka Kongresa Komitato, parolis S-ro. Díez Mateo en hispana kaj esperanta lingvoj, reliefigante la valoron de la Internacia Lingvo en ĉiuj kampoj, kiel li povis rekte konstati dum siaj oftaj vojaĝoj eksterlande. S-ro. Díez Mateo finis memorante, ke esperanto estis la unua lingvo kiun li lernis, kaj kies kono estis bazo por poste lerni la diversajn lingvojn, kiujn li mastras.

Parolis poste Lia Moŝto D-ro. Miguel Sancho Izquierdo, kiu, post danki la Lokan Komitaton pro la farita laboro, diris al la ĉeestantoj, ke estas nun, fininte la Kongreson, kiam vere komencas nia laborado.

Li resumis la ĉefajn konkludojn de la Kongreso, inter kiuj elstariĝas la deziro atingi ke esperanto estu oficiale aŭ krom-subjekte instruata en la hispanaj Centroj de meza kaj supera lernado. Ekzemplojn ni havas pri ambaŭ sistemoj: klasoj de esperanto en la Escuela Social de Zaragoza kaj en la Universitato de La Laguna, kie ekzistas la unua oficiala katedro de esperanto.

Alia propono de la Kongreso estis, rekomendi al la esperantistoj de urboj en kiuj okazas Specimen-Fojroj, prezenti en ili budojn kun Esperanto-libroj.

Preferata laboro de la Federacio estos nun prepari la Universalan Kongreson de Esperanto, okazonta en Madrid en 1968. Reliefigis S-ro. Sancho Izquierdo la elkoran deziron de U. E. A., ke la Universala Kongreso en Madrido fariĝu vera mejloŝtono en la antaŭenmarŝo de esperanto. Ankaŭ tre helpema estis la reago de la Ministerio de Informado kaj Turismo, kiu oferis la Kongres-Palacon de Madrido, samkiel la tutan necesan helpon por organizi kaj celebri ĝin.

S-ro. Sancho Izquierdo finis sian paroladon esprimante sian fervoran deziron, denove renkonti ĉiujn aŭskultantojn en la Nacia Kongreso de la venonta jaro, kiu okazos en Zaragoza.

Tondra kaj simpatia aplaŭdado eksplodis kiam nia kara kaj respektata Prezidanto deklaris fermita la Kongreson.

Sekvis kantado de «La Espero».

---

De la Universitato, per aŭtobusoj, la kongresistoj veturis al Algorta, ĉe kies plaĝo ili promenis kelkajn momentojn,



Guernica: Kunsiddomo kaj la fama arbo, simbolo de la libereco de Vizcaya.

por poste daŭrigi aŭtobuse al restoracio en Monte Archanda, kie ili kunsidis ĉe gaja kaj frata bankedo.

Gejunuloj —kaj kelkaj blankharuloj— dancis dum la tuta vespero en agrable esperanta atmosfero.

## 23 DE JULIO

Tre frue, kelkaj aŭtobusoj eliris el Bilbao plenaj je esperantistoj. La vetero estis simple mirinda kaj ĉiuj ĝuis la ekskurson. Ni manĝis en Guernica, kaj tie ni vizitis la faman Kunsid-Domon kaj respekto-plene admiris la arbon, ido de tiu, sub kiel ombro la vaskoj dum jarcentoj kunsidis por akordi iliajn leĝojn. Tie la vizitantoj kantis kune la «Gernikako Arbola» kaj «La Espero». Vere emocia estis la momento por ĉiuj.

Post tio, laŭ invito de la Urbestro de Guernica, ni ĉeestis maĉon de vaska pilkludo, kiu vekis admiron kaj entuziasmon, precipe inter ĉiuj, kiuj por la unua fojo vidis ĝin.

Kaj finfine, salutoj, bondeziroj, kaj... adiaŭoj. Finiĝis nia ĉi jara Asembleo. Kaj ĝi finiĝis feliĉe. Ni danku Dion.



Nia Prezidanto, kun la ĉiam vigla samideano S-ro Chaler el Tarrasa kaj aliaj esperantistoj ripozas en Lequeitio, dum la Kongresa ekskurso tra la provinco Vizcaya.

Dum la tuttaga ekskurso tra la provinco, niaj gesamideanoj haltas en la «Mirador de Vizcaya»

# DON JOSE MARIA PEMAN, diris...

«Mi lernis esperanton dum mia junaĝo, en Francio, kaj mi povis konstati la genian facilecon de 'ĝia lernado. Ĉiufoje pli mi kredas, ke en Esperanto povas esti la solvo de tiu ĉi babela problemo de la Homaro.»

*(El privata letero de S-ro. Pemán al bilbaoa esperantisto.)*

## KVARTALO DE LA MARISTO

Kvartalo de la maristoj
kie loĝis mia amor'!
Je l' fundo de ĉiu strato
maro de suno kaj roz'.

Farante reton, kantadis
kvin junulinoj en flor'
kaj kvin junaj maristetoj
ĥoreadis la kanzon'.

—«Aj, la blanka knabino.
—¡aj doloro, aj dolor'!—
Elgenova kapitan'
ŝin portis for...»

Kaj flugis la trista kanto
sur de la briso kaj ĝis
la mastoj sangeruĝaj
pro vesper' kaj iluzi'.

Kaj mi pasadis sonĝante
—kvartalo de la maristoj
kie loĝis mia amor'!—
sonĝante tra la stratoj
ĝis la mar' de sun' kaj roz'...



*J. M. PEMAN.*
(Tradukis JES)



**Niaj pioniroj...**

# *Rafael Vizcaino Olcina*

Nomo de ĉiuj konata estas tiu de nia elstara samideano kiu hodiaŭ honorigas la paĝojn de Boletín. Lia vigleco kaj simpatio vekis la estimon de ĉiuj kiuj lin konas.

Li tuj komprenis la grandiozan mesaĝon de la Internacio Lingvo, kiu deziras kunigi la homojn en frata rondo esperantisto de la jaro 1912, daŭre sin dediĉis al nia afero, instruante novajn vicojn da gesamideanoj.

Multegajn Esperanto-kursojn li gvidis kaj prave li fieras pri la granda nombro da bonegaj esperantistoj al kiuj li lernigis la lingvon kaj sentigis la Internan Ideon de Esperanto. Ankoraŭ nun, post pli ol kvindek jaroj de konstanta laboro, klarigas Esperanto-kursojn en Grupo Escolar CERVANTES, por infanoj 8-14 jaraĝaj kaj en la Valencia Universitato por plenaĝuloj.

Jen la respondoj ke S-ro. Vizcaíno faras al niaj demandoj:

1.—*Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?*

Mi eklernis Esperanton en mia naskiĝurbo Valencia, dum na jaro 1912.a. Tiam
Mi eklernis Esperanton en mia naskiĝurgo Valencia, dum la jaro 1912.a. Tiam mi jam konis francan lingvon la mi eklernis la anglan ĉar mi tre emis fremdajn lingvojn, do, kiam amiko parolis al mi pri Esperanto, mi tuj interesiĝis pri ĝi, kaj aniĝis al la Valencia Grupo.

2.—*Kiu estis la ĉefa faktoro, kiu instigis vin lerni Esperanton?*

Mi estis vere logita de la interna ideo de Esperanto. Malgraŭ mia juneco mi lernis ami la pacon kaj revis pri la malapero de tiuj «Muroj de mil jaroj», kiujn la homoj starigis inter la popoloj.

3.—*Laŭ via opinio, kiu estas la ĉefa celo de Internacia helpa lingvo?*

Mi opinias ke la ĉefa celo, devas esti enkonduki nian karan lingvon en ĉiujn lernejojn de la mondo kaj mi estas certa ke tio nur estos atingita post longaj laboroj de la esperantistoj. Se, ĝis nun, la Registaroj ne solvis la lingvan problemon, ni esperantistoj, devas serĉi kaj trovi la eblon enkonduki Esperanton inter la gelernantoj de popolaj Lernejoj.

4.—*Kion vi —spertulo— konsilus al la esperantista aro por pliviglingi kaj pligrandigi nian movadon?*

Dum mia longa Esperanta vivo, mi ĉiam opiniis ke nur la gejunuloj povos atingi la venkon de nia kara lingvo, tial mi ĉiam helpis la gejunulan movadon por ke ili fariĝu niaj lojalaj heredontoj. Nur ili povos en venontaj tempoj, daŭrigi niajn senlacajn klopodojn por atingi la celon pro kiu ni luktis jaron post jaro. La gejunuloj estas, laŭ mia opinio, la estontaj batalantoj, kiuj certe atingos nian celon en gloro.

5.—*Post via longa vivo esperantista, kian mesaĝon vi transdonus al la nuntempaj esperantistoj?*

Mia mesaĝo al la esperantistaro estas, laŭ mi jus diris, flegi, dorloti kaj zorgi tiun viglan gejunulan movadon; ke ĉiuj kiuj amas. Esperanton fariĝu veraj, koraj esperantistoj: Ke ili ne restu nur esperantanoj (kiel tre trafe baptis ilin mia bona amiko D-ro. E. Tudela) ke ĉiuj semu kaj semu ie ajn kaj ne restu en siaj hejmoj atendante ke la laboro de aliaj esperantistoj zorgu ankaŭ pri iliaj sulkoj.

*R. Molera*

Pli ol 20 hispanaj gesamideanoj, el diversaj regionoj de nia lando, tra diversaj vojoj, veturis al Budapest por partopreni la plej gravan Esperanto-eventon de la jaro.

Kun mia edzino ankaŭ ni profitis la okazon por partopreni Feriotagojn en Klosterneuburg, urbeto je 12 kilometroj de Vieno, kie kun 80 geesperantistoj ni pasigis kvar tagojn en vera samideaneca atmosfero. Jam en Vieno kelkaj el ni koincidis, kaj ni ĉiuj profitis la okazon por viziti la Esperanto-Muzeon kiun vigle gvidas nia ĉiam juna samideano —la koro estas tio, kio gravas— S-ro. Hugo Steiner.

Ni jam sopiris por atingi nian celon kaj la 30-an de julio posttagmeze ni alvenis al la hungara ĉefurbo, post kvar hora trajna vojaĝo. Jam ĉe la landlimo granda Esperanta flago bonvenigis nin kaj en la Orienta Stacidomo la lokaj esperantistoj afable akceptis nin.

Nia unua vizito al la Kongresejo —domo de la Sindikato de la Konstruado— jam konvinkigis nin pri la impona Kongreso kiu ĵus komencis; miloj da personoj orientaj kaj okcidentaj svarmis tra la koridoroj kaj salonoj; tio estis kvazaŭ frenezulejo. Mi kore kompatis la sindonajn deĵorantojn de la multegaj giĉetoj.

Post vespermanĝo ni jam havis la Interkonan Vesperon kaj tie nia eniro en Esperantujon estis ĝojiga afero. Ni salutis kaj resalutis niajn malnovajn geamikojn kaj ankaŭ tie ni akiris multajn novajn, speciale el malproksimaj landoj.

Dimanĉon matene, ĉe Foira Petöfi-pavilono okazis la solena Inaŭguro de la Kongreso. Malfermo fare de la Prezidanto de U. E. A., D-ro. Prof. Ivo Lapenna kaj tuj parolado de la Vic-Prezidanto de la Hungara Respubliko, S-ro. Odön Kisházi, en hungara lingvo kun Esperanta traduko; poste parolis aliaj Estraranoj de U. E. A., la Urbestro de Budapest kaj la reprezentantoj de la diversaj registaroj. Venis la vico de la Delegitoj de la Naciaj Federacioj de Esperanto; tre trafe parolis nome de nia lando S-ro. Nicolás L. Escartín. La plej grava parto de la aranĝo venis post muzika paŭzo kun la Festa Parolado de Prof. Ivo Lapenna, kiu je fa comenco omaĝis al la hungara esperanto-mo-



Solena Inaŭguro de la 51.ª Universala Kongreso de Esperanto.

de Prof. Ivo Lapenna, kiu je la komenco omaĝis al la hungara esperanto-movado kaj al ĝiaj du ĉefaj verkistoj; granda aplaŭdado konfirmis la simpation kiun inter la esperantistaro la hungaraj pioniroj S-roj. Baghy kaj Kalocsay al kiuj la Prezidanto de U.E.A. faris donacon. Post tiu omaĝo la parolanto raportis pri la agado de la U.E.A. dum la Jaro de Intenacia Kunlaboro kaj pri la rezultoj de la Petskribo, rememorigis pri la laborplanaj celoj de la Asocio kaj finis per alvoko al internacia disciplino. Varma apaŭdo premiis la oratoron pro lia interesa parolado.

Okdek geinfanoj de la Infana Kongreseto, solutis la Kongreson; tre simpatia spektaklo.

Posttagmeze, ĉe franciskana preĝejo, je la flanko de Buda, ni partoprenis la Sanktan Meson. Kolektiĝis tie 1.500 gekongresanoj kaj oni dialogis en Esperanto laŭ la Konciliaj Instrukcioj; ĥoro «Kapistran» belege kantis; kun granda sento kaj enhavo predikis en la internacia lingvo Pastro A. Marky.

Priskribi la diversajn kongreserojn estas neebla afero. Mi nur konstatigos la plej gravajn: Arta Festivalo, kun belegaj teatraj prezentoj; Oratora Konkurso; Somera Universitato kun altnivelaj fakaj prelegoj (mi plezurege ĉeestis tiun de Prof. E. Bokarev el la Moskva Universitato, sub titolo, FONEMO KAJ SONO EN ESPERANTO); bandeko kaj solena balo; laborkunsidoj de U. E. A., k. t. p., k. t. p.

Merkredon vespere, la Vic-Prezidanto de la Respubliko akceptis la kongresanaron ĉe la Parlamentejo —impona konstruaĵo laŭ la arkitektura kaj historia vidpunktoj). Tie oni regalis nin per manĝaĵoj, tre ĝentile kaj abunde.

Ĵaŭde ni ekskursis. Estis kvar ekskursoj tra la lando. Ni partoprenis tiun kiu iris ĝis Eszogom, ĝe la Danubo mem, post kvar hora ŝipa veturado. La urbo estas tre interesa kun vizitinda muzeo kaj impona baziliko.

La Urbestraro havigis al ni specialan karton kiu rajtigis al ni vojaĝi senpage per ĉiuj aŭtobusoj kaj tramoj de la urbo. Estis la plej trafa kaj sukcesa afero de la Kongreso.

La fino alvenis, kaj sabaton matene, denove ĉe la Petôfi-pavilono, oni okazigis la Fermon. Legado de la Kongresa Rezolucio, proklamo de la rezultoj de la Belarta Konkurso, dankoj kaj adiaŭoj. Parolis la Vic-Prezidanto de U. E. A. S-ro. Carlén kaj oni transdonis la Kongresan Flagon al la reprezentato de Israelo. Ĝis venonta jaro en Tel Aviv!

Kvazaŭ telegrame, mi skizis la 51-an U. K. La partopreno estis kaj estas neforgesebla travivaĵo. Ĉie ni ricevis komplezojn. La urbo Budapest —du milionoj da loĝantoj—, efike vivis kaj konis Esperanton. Abundaj Esperantaj flagoj tra la stratoj kaj multaj afiŝoj en ĉiuj magazenoj kaj vendejoj.

Pli ol kvar mil gekongresanoj el la tuta mondo, dum unu semajno vere loĝis, agis kaj amuziĝis en Esperantujo. Denove ni efike pruvis la taŭgecon kaj utilecon de la internacia lingvo.

Dum niaj Federaciaj gvidantoj jam interparolis kun la Estraro de U. E. A. pri la farotaj unuaj paŝoj rilate al la U. K. en Madrid, ni persone invitis al la kongresanoj amase veni al nia ĉefurbo, post du jaroj: ili ĉiuj promesis fari la eblojn por ĉeesti. Mi estas certa ke la 53-a estos tiel impona kiel estis la 51-a.

Kun bedaŭro ni forlasis la simpatian hungaran ĉefurbon; en nia menso restas la impreso de la Budapestaj stratoj kun malmulta aŭtomibila trafiko; sed dum unu semajno kvar hispanaj veturiloj, kiel modernaj Kiĥotoj, trapasis multfoje ilin. Ŝajnas al mi ankoraŭ vidi ilin, antaŭ la kongresejo, inter ili du SEAT-1.500. Ni, la hispanoj estas tiaj.




Szeged: La Katedralo kaj la Liberaera teatro

# SZEGED

*Inés Gastón*

Post la Kongreso en Budapest, tiel brile sukcesinta, la esperantista etoso flugis al SZEGED, kie niaj samideanoj organizis tre allogan programon.

SZEGED, klera kaj historioplena urbo, kiu situas ĉe la renkontiĝo de la du grandaj riveroj Tisza kaj Maros, estis taŭga postkongresa urbo. La ĝentileco de la enloĝantoj frapis nin, kaj promenante surstrate ni plaĉe povis percepti la impreson de natura simpatio, kiun vekis la kongresa insigno de ni portata.

La programo organizita de la tieaj esperantistoj estis ja interesa. Krom viziti la urbon, riĉa je artaj konstruaĵoj kaj monumentoj, ni ĝuis la belecon de la hungara folkloro; la vigla ritmo kaj la logaj kostumoj kun la juneco kaj simpatio de la dancantoj vekis la admiron de ĉiuj kiuj partoprenis la ekskurson. Tre agrabla estis la ŝipveturado tra la rivero Tisza; belega la koncerto de organo en la Katedralo, la liberaera prezentado de «Fausto»... Ni estis vere bonŝanĝaj, tial ke dum tiuj tagoj okazis la Liberaera Teatra Festivalo, ni povis ĝui la prezentadon de la opero de Gounod en la grandioza scenejo de la placo Dóm, kio estis impona kaj neforgesebla.

Koran dankon kaj gratulon por la organizintoj; dankon pro iliaj klopodoj, gratulon pro ilia sukceso.



## forpasis...

La 4-an. de aŭgusto, post longa malsano, forpasis S-ino. Juana Llusera Novell, patrino de la estrarano de H. E. F. S-ro. Hernández Llusera.

Sinceran kondolencon al ŝia familio, precipe al nia kara samideano.

# «HEF JUNULARA RESTADEJO ESPERANTISTA HEJS»

**Financaj aferoj:**

Unu el la plej gravaj problemoj de ĉiu organizo estas la financaj aferoj, pro tio HEJS-estraro studis tre atente diversajn eblecojn kaj provizoran solvon, celante realigi kiel eble plej rapide la konstruon de nia Restadejo.

Ni prezentas al vi la aferon kaj santempe indikas kiamaniere ni intencas solvi la problemon:

a) Laŭ informo de la masonisto, la konstruado de la unua parto de la Restadejo (kuirejo, manĝoĉambro, dormoĉambro, granda sa lono, duŝo, k. t. p.) entute 80 kvadrataj metroj, kostos 100.000 ptojn.

b) Je la fino d septembro HEJS nur povos disponi je 50.000 ptojn.

c) Dezirante ne nur komenci, sed ankaŭ fini la konstruadon de la menciita parto de la Restadejo, dum la kuranta jaro 1966, HEJS alvokas:
Al ĉiuj Esperanto-Grupoj aŭ Sekcioj.
Al ĉiuj HEJS-abonantoj.
Al ĉiuj simpatiantoj de nia Junulara Sekcio:

BONVOLU MONPRUNTI EN KONVENA FORMO AL H. E. J. S.

HEJS-estraro promesas redoni la pruntitan sumon post 12 monatoj.

Ni starigos en nia Sekcio kategorion de «Membro Protektanta» por tiu kiu liveros al HEJS 5.000 ptojn.

HEJS bezonas minimume dek Prtektantajn Membrojn, kiuj povas esti privataj personoj, Kluboj, Grupoj aŭ familioj. La Estraro ankaŭ decidis rajtigi ĉiujn Protektantajn Membrojn partopreni la estraran kunvenon de HEJS por ke ili povu konstati kiamaniere ilia helpo estis uzata, kaj konsili nin.

Bonvolu peti ĝeneralan informadon al la HEJS-prezidanto, S-ro. Salvador Aragay, str. Arce, n.° 8, 2.°, 4.ª, CORNELLA.

Kore antaŭdankas vin,

*H. E. J. - estraro.*

---

# DONATIVOS RECIBIDOS PARA BOLETIN

| | | |
|---|---|---|
| | Suma anterior | 4750 |
| Esp. G.° Payá | Mislata | 310 |

(María, 5; Ana M.ª, 5; Vicentita, 5; Paqui, 5; Lolita, 5; Adelita, 5; Angelines, 5; Marujín, 5; Ascensión, 5; Carmencín, 5; Martínez, 5; Joaquín, 5; Leopoldo; 5; Rafa, 10; Reig, 10; Pomares, 5; Domenech, 5; Terol, 5; Críspulo, 10; Ruiz, 5; Santo, 5; Maroto, 5; Pascual, 5; Lozano, 5; Vilaplana, 10; Vicente, 5; Tonet, 10; Forés, 10; Forés, (elec.) 5; Alfredo, 5; Félix, 10; Albero, 5; Joel, 10; Ruz, 10; Eliseo, 5; Serisola; 10, Roque, 10; Juanito, 5; Mateu, 10; Alcantarilla, 5; Modesto, 10; Roberto, 25; Alafont, 5; Enriquito, 5; Jacinto, 5)

| | | |
|---|---|---|
| J. Iranzo | Bilbao | 100 |
| E. Tudela | Valencia | 100 |
| A. Marco | Zaragoza | 25 |
| Esp. G.° Amigos de UNESCO | Barcelona | 100 |
| M. Monrrés | Artés | 200 |
| S. Arimendi | Eibar | 25 |
| P. Nuez | Barcelona | 50 |
| J. Hutessá | Sabadell | 125 |
| | Suma | 5785 |



# CONCURSO JUVENIL DE ORATORIA EN ESPERANTO



Nos es grato presentar a nuestros lectores a la señorita Rafaela Urueña Alvarez, perteneciente al grupo FIDO KAJ ESPERO, de Valladolid, que fue premiada en el Concurso Juvenil de Oratoria en Esperanto, celebrado en Bilbao, dentro del cuadro del XXVII Congreso Español de Esperanto.

La señorita Urueña, pese a su juventud, es doctor en Derecho, habiendo simultaneado el estudio de su carrera con el de idiomas y piano, ya que es amante de la buena música.

El Concurso tuvo lugar en uno de los salones de la Escuela de Peritos Industriales, a la hora anunciada y con asistencia de buen número de congresistas.

Presidió el acto el Presidente de la Federación Española de Esperanto, don Miguel Sancho-Izquierdo, a quien acompañaban en la presidencia varios miembros de la Junta Directiva de la Federación y el Prseidente de su Sección Juvenil, don Salvador Aragay Galbany.

Tras unas palabras de la Secretaria de la Federación, quien hizo la presentación del acto, el señor Presidente dio la palabra a la señorita Urueña, quien con bonito estilo y fluído esperanto desarrolló el tema: «La Kastelo de Gresillon, esperantista kulturdomo», siendo un relato de la vida en el castillo durante su estancia en el verano de 1965.

Después de situar geográficamente Gresillon en el mapa de Francia, entre los ríos Maine y Loira, hizo una descripción de los maravillosos paisajes que rodean el castillo. Antes de llegar a él, ya puede admirarse la belleza del valle del Loira, su vegetación siempre verde, sus flores, y, cuando el visitante llega al castillo de Gresillon, comprende que es el lugar ideal para pasar unos días de reposo, en un agradable ambiente esperantista. Allí los idiomas nacionales se olvidan por unos días, para disfrutar hablando en el idioma internacional esperanto con todos los compañeros llegados de los más diversos países.

A continuación pasa a describir el castillo, que cuenta con una buena biblioteca, instalaciones para juegos, piscina, un gran jardín..., todo muy cuidado y confortable. Nos cuenta la vida que allí se hace, donde se celebran interesantes conferencias, se presentan diapositivas, se dan clases de esperanto, lo mismo para principiantes que de perfeccionamiento, y por las tardes se canta en común, en esperanto.

El relato que nos hace de las excursiones es verdaderamente sugestivo, describiendo especialmente la visita a los castillos del Loira; el castillo renacentista de Langeais, el de Chinon, en el límite de las regiones de la Turena y Anjou, del que solamente quedan las muralles; el de Azay le Rideaux, bellísimo en su exterior y en el interior por sus tapices y alfombras...

ASOCIACION NACIONAL DE FERROVIARIOS ESPERANTISTAS
HISPANA ESPERANTO FERVOJISTA ASOCIO (H. E. F. A.)



Dado el éxito de los cursos anteriores, queda abierta la matrícula GRATUITA para todos los ferroviarios y familiares de ambos sexos, para EL CURSO DE ESPERANTO 1966.

El curso dará comienzo el día 12 de septiembre de 1966, de 19,30 a 20,30 horas. Las clases, a cargo de profesorado competente, se darán los

LUNES - MIERCOLES - VIERNES,

en una de las aulas cedidas por la Asociación General de Empleados y Obreros de los FF. CC. de España (Atocha, 83) para estos fines culturales.

Todos los que deseen tomar parte en el CURSO DE ESPERANTO pueden *matricularse en las oficinas de la División de Obras Sociales y Asistenciales,* sita en Méndez Alvaro, 1, Madrid, de las 19 a las 20 horas, los lunes, miércoles y viernes.

La clausura del curso se celebrará el día 18 de diciembre de 1966, con imposición de «Stelo» y exposición de fin de curso con motivos ferroviario-turísticos y culturales.

Todos aquéllos que finalicen el curso, podrán participar —si así lo desean— en los Congresos de Esperanto que en el futuro se celebren, tanto en España como en el extranjero, si reúnen condiciones para ello y son propuestos al efecto.

Madrid, septiembre 1966.

*¡Cada cual con su idioma y el esperanto para todos!*

---

Termina su disertación aconsejando a todos la visita a Gresillon, que ofrece además de una naturaleza maravillosa, el poder practicar la lengua internacional, hacer nuevos amigos y, sobre todo, dar un ejemplo a la humanidad de que la unión y la armonía entre los pueblos pueden ser posibles cuando se cuenta con un medio de unión tan poderoso como es el esperanto.

Entusiastas aplausos premiaron la actuación de la señorita Urueña.

A continuación la Secretaria dio cuenta de haberse retirado a última hora los otros dos concursantes inscritos.

La Presidencia del acto acordó entregar el premio a la señorita Rafaela Urueña, acuerdo que fue unánimemente ratificado por el público asistente con una prolongada salva de aplausos.

El premio consistió en la obra de Boleslaw Prus, traducida al Esperanto por Kazimierz Bein (Kabe), LA FARAONO, que fue enriquecida con una dedicatoria del ilustre Presidente de nuestra Federación.

# REZOLUCIO

*direktita al la subskribintoj de la Propono al UN, unuanime akceptita de la* LE*-a Universala Kongreso en Budapeŝto,* 30.*VII* - 6.*VIII*1966 *kun* 4.010 *partoprenantoj el* 42 *landoj*

LA KONGRESO

1. *Sciiĝis* kun plezuro, ke la Proponon al Unuiĝintaj Nacioj por solvo de la lingva problemo per efektiva kaj efika helpo al disvastigo de la neŭtrala Internacia Lingvo (Esperanto) subskribis entute 874.765 individuaj personoj, inter kiuj 106 ŝtatestroj kaj membroj de registaroj, 1.267 parlamentanoj, 937 lingvistoj kaj filologoj, 6.357 Nobel-premiitoj, membroj de sciencaj academioj, institutoj kaj profesoroj de universitatoj, 6.051 verkistoj, artistoj kaj ĵurnalistoj, 49.740 instruistoj, 55.890 apartenantoj de liberaj profesioj, 265.0000 studentoj, 489.417 oficistoj, laboristoj kaj farmistoj, k. a., kiel ankaŭ 3.709 organizaĵoj kun entute pli ol 63 milionoj da membroj, kaj esprimas al la subskribintoj sian dankon pro la klarvida ago;

2. *Informas* la subskribintojn, ke en oktobro 1966, Universala Esperanto-Asocio transdonos la Proponon al la Ĝenerala Sekretario de UN kaj sendos kopion de la koncerna dokumento al ĉiuj Ŝtatoj-Membroj;

3. *Invitas* ĉiujn organizaĵojn, precipe tiujn, kiuj subskribis la Proponon, malfermi kursojn de la Internacia Lingvo por siaj membroj kaj tiamaniere ebligi al ili jam nun senperajn internaciajn kontaktojn, kaj petas la Esperanto-societojn, unuavice tiujn de geinstruistoj, doni tiucele siam helpon.

## DANKESPRIMO

Antaŭ la neebleco respondi ĉiujn telegramojn kaj salutkartojn ricevitajn okaze de nia XXVII[a] Nacia Kongreso, ni deziras esprimi al ĉiuj la afablaj sendintoj nian plej koran dankon pro iliaj kuraĝigaj bondeziroj kaj amikaj salutoj.

Dum la Generala Kunveno, oni legis ilin antaŭ la ĉeestanta samideanaro kiu esprimis sian dankemon pere de varmoplena aplaŭdado.

Mi starigis Esp-Muzeon kaj mi posedas bibliotekon kun mil volumoj pri nia lingvo. Eble oni povus helpi min per la sendado de libroj kaj revuoj. Indiku viajn dezirojn kaj emojn. S-ro. Luis M.[a] Hernández Izal, farmaciisto. Apartado 83, Villafranca del Panadés.

## *Ni legis por vi...*

MIRINDA LANDO KAJ TRADUKOJ 1966a. — Diego Selso. Bonaero, 1965a. Liveras S-ro. Hugo A. Lingua, direktoro de Escuela Argentina de Esperanto. Casilla de Correos n.° 278, Rosario (Santa Fe), Argentino.

MI AMIS JUNULINON. — Walter Trobisch. Konfidenca korespondado. 140 paĝoj. Prezo: broŝurita DM 6.—, bindiita DM 8.—. Editions Trobisch, 757 Baden-Baden, Lange Strasse 50, Germanujo.

BOHUSLAN. — Suna Somerparadizo. Svedio. Tre interesa plurkolora turisma prospekto pri la okcidenta parto de Svedujo. Mendu ĝin al la Turisttrafikförbund, Drottningtorget, Göteborg, Svedio.

VERDA FILM-STRIO. — Organo de Asocio Tutmonda de Filmo-Foto amatoroj. Redaktoro: Irene Fink, P. O. Box 32 MT. Waverley, Victoria, Aŭstralio. Jaro II, Numero III, «Esperanto por fotografistoj, fotografado por Esperantistoj». Abono por 4 sinsekvaj numeroj: 50 c. aŭtraliaj (aŭ kvar internaciaj respondkuponoj).

INFORMA BULTENO DE FOIRO EN BRNO. — Destinita por celoj de preso, disaŭdigo kaj Televido en Eksterlando. Brno, julio 1966. Ekstra esperantilingva eldono. Internacia Foiro en Brno 1966. Redakcio de Informservo F. E. B., Hlinky, 104, Brno. Ĉefredaktoro Lubomir Selinger.

## Eldona fako de H. E. F.

Je la dispono de niaj membroj kaj amikoj ni havas jenan liston de Esperantaĵoj:

Mendu ilin tuj men:

| | *ptoj.* |
|---|---|
| Porcelanaj teleretoj kun alegorio mane pentrita | 45.— |
| Porcelanaj cinfrujoj kun alegorio | 25.— |
| Teleretoj kun Esperantaj proverboj | 10.— |
| Esperantaj flagetoj | 10.— |
| Rondaj kaj stelformaj Esperantaj insignoj | 12.— |
| Boligrafoj kun teksto, Esperanto Lingvo Internacia | 10.— |
| Esperantaj insignoj (Airon-fix) rondaj | 7.— |
| Esperantaj insignoj (Airon-fix) oval k. stelformaj | 8.— |
| Belaj kaj bonkvalitaj Kristnaskaj kartoj | 2.— |
| Belaj kaj bonkvalitaj Kristnaskaj kartoj faldformataj | 2.50 |
| Kovertoj kun teksto, Esperanto, La Lengua Internacional | 0.50 |
| Poŝtkartoj J. I. K. alegorio (deko) | 6.— |
| Insignoj de nia XXIII^a Kongreso | 12.— |
| Insignoj de niaj XXV^a, XXVI^a kaj XXVII^a Kongresoj | 25.— |
| Kongreslibroj de niaj XXV^a, XXVI^a kaj XXVII^a Kongresoj | 25.— |
| Flagetoj de niaj XXV^a, XXVI^a kaj XXVII^a Kongresoj | 12.— |
| Poŝtkartoj de nia XXV^a, XXVI^a kaj XXVII^a Kongresoj | 2.— |
| Glumaroj (folieto kun ses gmj.) | 1.50 |
| Afiŝoj de diversaj H. E. F. Kongresoj | 5.— |
| Poŝtkartoj de diversaj H. E. F. Kongresoj | 1.50 |
| Dok. CED/7 «Bazaj faktoj...» (hispanlingve) de D-ro. Lapenna | 7.— |
| ETERNECO (Navarra Legendo), de A. Núñez) | 10.— |

Boletín extraordinario: 15 ptas. — Boletín normal: 7 ptas.

Mendoj ĉe: Inés Gastón — Sekretariino de H. E. F.

P.° Marina Moreno, 35, 4.° — ZARAGOZA

# NI ĈIUJ IRU AL TEL AVIV-ON

Sendube estas tre interesa afero por ĉiu esperantisto partopreni Universalan Kongreson. Sed ne ĉiam, ĉu pro la longaj «distancoj» («distanco» por geesperantistoj ĉiam estas tradukebla —laŭ mia persona opinio— je «tro altaj vojaĝelspezoj»), ĉu pro aliaj specialaj, apartaj cirkonstancoj, ĉu personaj, ĉu politikaj... k.t.p. Sed ne ĉiam —mi ripetas— oni povas atingi la plenumon de la plej alta deziro de ĉiu konscia samideano.

Malgraŭ tio ke la pasporta afero tre multe faciliĝis, se oni komparas la nunajn pasportdemarŝojn je la barieroj k. egaj prokrastoj k. malfacilaĵoj de antaŭ 20-25 jaroj, ankoraŭ nun ekzistas kelkaj... apenaŭ percepteblaj baroj, prokrastoj k. etaj malfacilaĵoj. Feliĉe, nia Registaro multe faciligas al ni la aferon, eĉ kiam la Universala Kongreso okazas en lando kun kiu la hispana Registaro ne havas oficialan rilaton.

Nun mi volas paroli pri vojaĝo en Izrael-on, lando kiu eble —laŭ mia neperfekta scio— ne multe okupiĝas pri la propagando de ĝiaj atingitaĵoj ekster ĝiaj landlimoj.

Izraelo, la lando kie naskiĝis nia Sinjoro Jezuo-Kristo, la lando en kiu okazis tiom da mirindaĵoj kaj mirakloj, la lando de la unuaj apostoloj k., finfine, la lando kie loĝas tiom da judhispanoj kiuj sendube ankoraŭ parolas la preskaŭ tute nekompreneblan —per radio, gis nun— hispanan aŭ judhispanan lingvon, estas nedudeble tre interesa por ĉiuj hispanoj, ĉu geesperantistoj aŭ ne. Ĉu iu povas opinii male?

Nun temas pri la maniero —kiel eble plej malkare— ĝisatingi tiun landon venontan jaron. Ĉu ni, jam de nun, ne povus okupiĝi pri tiu-ĉi interesa afero? Mi scias ke nia eminenta Prezidanto, D-ro. Sancho-Izquierdo, volonte sin okupos, post du-tri monatoj, pri tiu-ĉi interesa afero; mi estas preta organizi karavanon, sed eble la katalunaj samideanoj povos kunhelpi en tiu-ĉi interesa vojaĝo, pro la multaj geesperantistoj loĝantaj en Barcelono, la granda mediteranea urbo, de kie ekvojaĝas kelkaj marŝip- k. aerŝip-linioj al orientaj landoj.

Eble la katalunaj gesamideanoj povus doni al ni, kelkajn precisajn informojn. Mi scias pri la skzistado de kelkaj linioj: krom la hispanaj, estas turkaj, francaj, italaj... ĉiuj ili havas agentejon en Barcelono.

Ĉiuokaze —mi ripetas— mi opinias ke jam de nun ni devus okupiĝi pri tiel interesa afero klopodante, ĉefe en Barcelono, fari la koncernajn demandojn k. demarŝojn por ebla organizo de hispana karavano de samideanoj kiuj derizas k. povas vojaĝi en Izrael-on dum la venonta monato Aŭgusto 1967.ª.

*L. de Otaola*

Iturríbide, 78, Bilbao.



# RAPORTO PRI LA LABORPERIODO 1an JULIO 1965a 30an JUNIO 1966a DE LA HISPANA ESPERANTO FEDERACIO

La esperantista aktiveco de la Federacio daŭrigis regule, sian ĉiam konstantan agadon.

Pri la 26.a Hispana Esperanto Kongreso, okazinta en Palencia, ne estas necese ke ni parolu; siatempe, vi ĉiuj sciis pri ĝia sukceso, pere de BOLETIN. Do, mi informos pri la agado laŭ la ĉefaj fakoj.

1-e. BOLETIN: La aperado de BOLETIN daŭrigis laŭ dato regule. Pro la kreskanta intereso vekita de BOLETIN eksterlanden, estis necese pligrandigi ĝian eldonkvanton; finance, tio estis eble dank' al la malavareco de la presisto, nia semideano S-ro. Boloix, kiu donacas al HEF. tiujn pluajn ekzemplerojn.

2-e. KASO: En la 18.a numero de BOLETIN, la Kasistino prezentis kontojn, do, vi ĉiuj konas ilin.

Ankoraŭ ĉi jare, la kotizoj sufiĉos por la normalaj elspezoj, dank' al la volonta plialtigo de la kotizoj fare de kelkaj helpemaj membroj; estus dezirinte tamen, ke la plejmulto el niaj membroj, kiuj ankoraŭ ne reagis al la alvoko de nia Prezidanto, komprenu ke plua mono estas pli kaj pli bezonata pro la daŭra altiĝo de ĉiuj varoj. Tamen, mi ripetas, kion mi diris la pasintan jaron: mi petas nenion, nur mi kore dankas la helpemon de tiuj konsciaj esperantistoj, kiuj komprenas, ke se ni vere deziras antaŭenpuŝi nian aferon kaj realigi nian idealon, fariĝas nepre necese aktualigi nian informan servon pere de taŭgaj informiloj, pli luksaj kaj okulfrapaj reklamiloj, ktp., ktp. Ankoraŭ multo estas plibonigebla en tiu kampo. Nun la afero dependas de vi.

3-e. SEKCIOJ DE H. E. F.:

FERVOJISTA ASOCIO (HEFA). La Asocio, en la diversaj urboj daŭrigis la kutiman aktivan agadon kaj regule organizis Esp-kursojn en diversaj kulturaj societoj.

Laŭ informoj ricevitaj en la Sekretariejo de H. E. F., pere de Madridaj esperantistoj —ne fervojistoj—, meritas specialan mencion la kurso de Esperanto okazinta en Asociación General de Empleados y Obreros de los FF. CC. de España, en Madrid, kiun klarigis nia kara kaj kompetenta samideado S-ro. Jaime Miró.

HISPANA ESPERANTO AURORO: Tiu sekcio daŭrigis siajn kutimajn aktivaĵojn. En la informa kampo, la Prezidanto de tiu sekcio S-ro. Figuerola, bone laboris, inter alie en intervenoj en Radio Nacional de España.

JUNULARA SEKCIO (H. E. J. S.): Regule eldonis sian junularan bultenon. Tiu sekcio daŭrigis sian kreskantan agadon. La H. E. J. S. Delegacio en Barcelona organizis Esperanto-kursojn, prelegojn kaj ekskursojn.

Pri la kultura agado, ni menciu la ONU-konferencon en la plano de Internacia Kunlaborado kaj internaciaj aferoj, kiu okazis en la sidejo de H. E. J. S. Delegacio en Barcelona.

H. E. J. S., intencas konstrui restadejon-rifuĝejon esperantista, la tereno por ĝin konstrui estas akirita de tiu sekcio en Monistrol apud Montserrat, do, ni esperas baldaŭan inaŭguron de la Restadejo.

INFORMA OFICEJO DE H. E. F.: Sub la rekta gvidado de Sroj. Molera kaj Aragay, daŭrigis sian laboron, kaj sendis la kutimajn ĉiutrimonatajn informojn al la ĵurnaloj, revuoj kaj radiostacioj.

Krom tiu laboro de la Informa Oficejo, la Estraro de H. E. F. en kunlaboro kun la redaktoroj de BOLETIN, daŭrigis la informan laboron entreprenitan pasintjare.

4-e. LIBROSERVO: Kiel mi diris pasintjare, la disvendo de Esperantaj libroj kontentige progresas.

Je la fino de la jaro aperis grava malfacilaĵo el la flanko de la Ministerio de Komerco kaj Doganejoj. Temis pri leĝigo de la vendado de libroj fare de nia Federacio. Feliĉe, post tre enuaj kaj lacigaj enketoj en Madrid kaj en la Delegacio de Zaragoza, kun la speciala interveno de kelkaj personaj amikoj en la koncernaj departamentoj, ni sukcesis leĝigi nian aferon sen esti devigitaj paji la specialajn impostojn kiujn oni nepre devas pagi, kiam oni volas vendi librojn eldonitajn speciale en la eksterlando. De tiam la servo glate funkcias.

---

Je la komenco de ĉi tiu raporto mi menciis nian pasintan Kongreson de Esperanto.

Por la fino mi lasis informi vin pri la agado de la Estraro —plej bone dirite— de la Prezidanto de H. E. F. rilate la kvindektria Universala Kongreso de Esperanto en Hispanujo.

Dum la jaro 1965.ª, multaj hispanaj kaj eksterlandaj samideanoj, sciigis al ni ilian deziron pri okazigo de Universala Kongreso de Esperanto en nia lando. La Estraro de H. E. F., pritraktis la aferon kaj nia Prezidanto faris la oportunajn demarŝojn flanke de la landaj Superaj Instancoj. La rezultoj de tiuj demarŝoj ne povis esti pli kontentigaj, kaj la 12-an de januaro ĉijara, la Estraro de H. E. F. oficiale invitis al la Estraro de U. E. A. por okazigi la 53-an Universalan Kongreson de Esperanto en Hispanujo, konkrete en ĝia ĉefurbo MADRID.

Tujan respondon ni ricevis de U. E. A., pere de ĝia Generala Sekretario dankante nian inviton, kaj la 19-an de aprilo ni ricevis komunikon kiu tekstas: «La Estraro de U. E. A. en sia Kunveno okazinta en ROTTERDAM, decidis akcepti la inviton de H. E. F. por okazigi la 53-an Universalan Kongreson de Esperanto en MADRID, dum la jaro 1968.ª».

La Prezidanto de H. E. F., petis la oportunajn oficialajn permesojn en la koncernaj Ministerioj. Kun poŝtstampo de la 27.ª junio ni ricevis jesan respondon de la Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj, kaj tiun de la Ministerio pri Internaj Aferoj ni esperas ricevi en proksima estonto.

Tiam ni komencos la organizadon de la farota laboro.

Zaragoza, la 30-an junio 1966.

*Inés Gastón*

# ETERNECO



**La Estraro de H. E. F., kiu fieras pri la kapableco, entuziasmo kaj sindonemo de granda nombro el ĝiaj membroj, decidis antaŭtempe aperigi en BOLETIN rubrikon: «Niaj Pioniroj» por konigi al la junaj** generacioj de esperantistoj tiujn homojn, kiuj daŭre oferis sian tempon al la disvastigo de Esperanto, kaj ebligis ĝian nuntempan vivon. Sed estas ankaŭ alia por Esperanto laboro, tiu de niaj verkistoj; tial la Estraro de H. E. F. atenta al ĉiu meritita honorigo, ĝojis ĉijare prezentante al la esperantistaro verkon de nia veterana esperantistino kaj elstara poetino F-ino. Amalia Núñez.

Ŝia verko «ETERNECO» (Navarra Legendo) kies filozofian karakteron malpezigas la ĉarma stilo de nia verkistino —kiel prave asertas nia samideano N. L. Escartín en sia antaŭparolo— estis eldonita de H. E. F., okaze de la 27.ª Hispana Kongreso de Esperanto en Bilbao.

La libreto estis tre bone akceptita, ne nur de niaj samideanoj en Bilbao, sed ankaŭ de ĉiuj Kulturaj Navarraj Institucioj al kiuj ni ĝin sendis; precipe de la Monaĥoj el Leyre, kies Rektoro skribis al nia Prezidanto kun peto ke ni transdonu ilian dankemon kaj gratulon al la verkistino.

Nun ni petas al la gesamideanoj ke, kunsente kun la Estraro de H. E. F. konigu la verkon kiel plej eble, por tio vi povas mendi ekzemplerojn de la libreto al Libroservo de H. E. F.

*Prezo*: 10 *Ptoj.*

# NOVA ZAMENHOF STRATO



La 16-an de oktobro en la urbeto SAN FELIU DE CODINAS (Provinco Barcelona), estos inaŭgurata strato ZAMENHOF.

La Barcelonaj esperantistoj intencas okazigi samtempe sian VIII-an BARCELONA-PROVINCAN RENKONTIĜON.

La programo konsistas el katolika meso kun prediko en Esperanto; koncerto de sardanoj dum kiu oni ludos la kompozicion «Sabadell Esperantista»; prezento de diapozitivoj pri la 51.ª Universala Kongreso 1966 en Budapest, kun prelego de S-ro. Ramón Molera, ĉefdelegito de U. E. A. en Hispanujo; frata kunmanĝado kaj deklamado de poezioj en Esperanto.

# CIENCIA Y COMPRENSION



*M. Romero Gómez*

El mundo moderno nos admira cada día más con sus avances científicos. El último gran triunfo sobre la naturaleza lo constituye el hecho de que se haya podido lanzar, con todo éxito, un satélite universal, que hace pensar como en una realidad próxima, en el dominio del espacio sideral por el hombre. Sin entrar en conceptos religiosos, al palpar estos extraordinarios productos de la inteligencia y el trabajo humanos, se piensa que en verdad el hombre ha sido hecho a imagen y semejanza de Dios.

Pero, en cambio, al echar una mirada a los conceptos espirituales de comprensión universal entre los pueblos; al hacer un recuento de los fracasos de un entendimiento entre las naciones; al constatar el vacío de los formalismos diplomáticos; y al contemplar la actitud de desconfianza, de odio, de recelo y de prevención de estados contra estados, no tenemos más que confesar que aquel concepto del hombre que nos formamos es un concepto equivocado. En este sentido el hombre no parece hecho a imagen y semejanza de Dios, sino con más defectos y debilidades que Lucifer.

En estos casos debemos meditar acerca de si serán o no beneficiosos los avances en la ciencia. Si nuestros inventos no serán los terribles juguetes que destruirán la humanidad. Si convendría o no seguir en el camino del progreso científico ilimitado, o si sería mejor poner coto a este progreso.

Hay quienes, en vista del afán del hombre por matarse, en vista de que las grandes fuerzas se han dedicado a la mutua destrucción, creen que la solución estaría en detener el avance científico en los aspectos peligrosos. Pero, ¿qué campo científico no puede llegar a serlo? Ninguno. Y no por eso la mente humana tendrá que anquilosarse; no por eso tendrá que degenerar al nivel de la bestia. No.

La solución está en dedicar a la comprensión universal un esfuerzo equivalente al que se dedica a la investigación científica. Convencer a los hombres, a los pueblos y a los gobiernos que es tan importante el uno como la otra. Llevar a las almas de todos la tranquilidad, la seguridad y la confianza que da el mutuo conocimiento.

Y no cabe duda que el paso inicial para esta recíproca comprensión debe ser el uso y adaptación de un mismo idioma. El hombre es el ser privilegiado que, por medio de la palabra hablada y escrita, transmite sus pensamientos y recibe los de los demás. Pero ¿por qué limitar a un país o conjunto de países este privilegio? ¿Por qué convertir una cualidad en límite y diferencia? Por qué aferrarse a estas limitaciones?

Por eso nosotros, los esperantistas, que nos comunicamos unos a otros; que hemos logrado formar una familia universal a base de comprensión y esperanza; que somos poseedores del vehículo ideal de difusión del pensamiento, debemos proclamar, sin orgullo, pero también sin falsa modestia, que estamos llevando a cabo una labor tanto o más grande, tanto o más meritoria que la que llevan a cabo los adalides de la ciencia, porque nuestra actividad es complementaria de aquélla y porque sin comprensión puede ser que los triunfos científicos, en vez de beneficio, constituyan la ruina de la humanidad. Y debemos proclamarlo para que se nos reconozca, para que se nos ayude, para que los gobiernos y pueblos se solidaricen con nuestra lucha, que es la hermosa lucha de la salvación de la humanidad.

# CIRKA ĈEVALO

J. Baghy

Ĉevalo cirka, modpasinte aĝa,
sintrene trotas en la sabla rondo.
La penda kapo plendas pri la aĉa
kakudon truda tedo en ĉi mondo...
sed subita «ĉidra bum» orĥestra
stimulas ĝin sub lumo de l' areno,
ĝi tuj reviglas ĉevalide estra
dum strumbla kuro kun sendenta heno...
De vanto ventumate iĝas blinda
la ĉevalaĉo cirka... kompatinda.

Poeto modpasinta tre konscias
pri tedaj migro, spleno, morno,
kiam la krei-volo agonias
kaj restas for la songoj dum sendormo,
sed se subita «ĉindra bum» publika
lin vantovente vokas al forumo,
tuj ĉevalide henas li komika
dum stulta kuro en l' arena lumo...
nur poste pikas sin per penso pinta:
«Ci, ĉevalaĉo cirka... kompatinda!».